# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 30/06/2016 Ducentsepdeksesa eldono 30/06/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**



**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **436,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Venu Sabaton. Je la 2.a de Julio. Ĉiuj estos bonvenaj.

## ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

Anoj kunvenas la unuan Dimanĉon je la monato Je la 11a horo estos aferkunveno. Je la 1ptm estos lunĉo kaj amuzkunveno. Bona oportuno paroli kaj ekzercadi Esperante
Venu Dimanĉon. Je la 3.a de **Julio**. Ĉiuj estos bonvenaj.




Tage miloj da studentoj preterpasas Esperanto-domon irante al la Sidneja Universitato.
Kelkaj prenas la informlibreton.



# Ŝerco aŭ Du

Karaj BELanoj Pardonon



Vi jam ricevis kelkajn fojojn la alŝutitan faldfolion en la 'diabla' angla lingvo kiu estas cetere la 'de fakto' universala help-lingvo laŭ multaj el niaj samreligianoj

Eble de tempo al tempo vi demandas al si: "Kial tiu frenezulo Paulo persistas?" Mallonge: por niaj infanoj kaj por justeco!

Ĉu eble mia prapatreco rivelas ion? Je la patra flanko mia familio estas francdevena kaj je la patrina ni estas irlandanoj

Kaj la francoj kaj la irlandanoj eĉ hodiaŭ ofte traktas kun la brita (aŭ angla post Brexit) registaro laŭ siteno suspektema kaj por kompliki la intrigon:
preskaŭ ĉiuj australianoj pri institucioj estas nervozaj

Mi certe ne estas, bedaŭrinde, grafik-artisto. Jen tamen por via takso estas kolorigita faldfolio en kiu klare videblas ruĝkolore la konsekvencoj de malengaĝiĝo rilate Esperanton flanke de la bahaa komunumo kune kun elektronika ligo al la bonega verko de Dro Meyjes: kies novaj tradukoj el la persa aliigos multon

(k) "Bahá'ís shall consider the study of this language as **an incumbent duty** upon them and it will be to them a religious duty." 'Abdu'l-Bahá, see *The Greatest Instrument for Promoting Harmony and Civilization (TGI)* p15, George Ronald 2015 https://www.amazon.com/Greatest-Instrument-Promoting-Harmony-Civilization/dp/085398591X (la litero (k) kaj aliaj literoj aperas por asisti vid-al-vidan konsultadon ne nur kun adeptoj de Baha'u'llah sed ankaŭ de Zamenhof

La emfazaj kaj ripetataj admonoj de 'Abdu'l-Bahá, ke ĉiuj unuopaj bahaanoj, inkluzive de anoj de la Universala Domo de Justeco, devas studi kaj disvastigi Esperanto aperas verd-kolore

Bahaame Paulo Desailly

# Margaret atingas sian Naŭdekan naskiĝtagon

Margaret Chaldecott skribis



Lastsemajne mi atingis la saman aĝon kiun la reĝino atingis kun granda ceremonio - 90. Por ŝi estis preskaŭ tutjara festo sed por mi tio estis simpla afero. En la eklezio/preĝejo oni honoris min per mallonga parolado, sed kun bela bukedo de floroj, kaj granda kuko sur kiu estis mesaĝo.

Oni fotis min kun la floroj kaj kuko, kaj jen la foto. Bedaŭre mi ne povas montri la supran parton de la kuko, sur kio estis floroj kreitaj de sukeraĵo.

La naskiĝtagoj de mi, la patrino de la reĝino kaj ŝia fratino okazis en la samaj monatoj sed ne en la samaj datoj, do dum mallonga periodo en ĉiuj jaroj ni tri povis festi preskaŭ samtiale.

Lastjare mi decidis vendi la domon kaj nun mi loĝas en domo por maljunuloj. Iomete pli utile, kaj iomete malutile. Iel, en la fruaj tagoj ĉi tie mi suferis malgrandan difekton en la dorso, kaj bezonas 4-radan helpilon. Tiu estas bona kiam mi marŝas sur la strato sed malhelpas min kiam mi devas uzi ŝtuparon. Do mi ne povas atingi Esperanto-domon sen helpo.

En la unuaj tagoj ĉi tie estis problemo ricevi taŭgan manĝaĵon ĉar la kuiristo ne komprenis kiel kuiri por iu kiu ne manĝas viandon, sed nun li povas doni al mi ion manĝeblan. Loĝante en tia "all inclusive" domo, oni iĝas mallaborema!

Sed estas bone ke mi povas utiligi la komputilon.

Ni povas iri semajne per aŭtobuso al biblioteko, kaj mi ricevas ege interesajn librojn. Nur en la angla lingvo, nefeliĉe.

Ĝis mi povas trovi interesan temon por alia mesaĝo.

Ĝis revido/reskribo
Margaret Chaldecott



# Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)



## La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 247 | 248 | 249 | 250 | 251 | 252 | 253 | 254 | 255 | 256 | 257 | 258 | 259 | 260 | 261 | 262 | 263 | 264 | 265 | 266 | 267 | 268 | 269 | 270 | 271 | 272 | 273 | 274 | 275 | 276 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | | | | | | | | | | | | ■ | | ■ | | | | | | | | | ■ | | | | | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | ■ | | | | ■ | | | | | | | ■ | | | | ■ | | | | | | | | | | ■ | | | | |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | | ■ | ■ | | | ■ | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | ■ |
| Melburna "Meetup" Grupo | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | | | | | | | | | | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | ■ | ■ | | ■ | | | | | | ■ | | | ■ | ■ | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | | | ■ | ■ | | | ■ |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Novkastela Esperanto-Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | ■ | | | | | | | | | | | ■ | ■ | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | ■ | ■ | | | ■ | | | | | ■ | | ■ | | ■ | | | ■ | | ■ | ■ | | | | ■ | | | | ■ | ■ | |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | ■ | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | | | ■ | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Whyalla Esperanto-Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | ■ | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | | ■ | ■ | | | | | ■ | | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | ■ | |
| “Informu AE, se estas eraro en la listo” rspring@tpg.com.au | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Eĉ mallonga raporto kaj foto informas ke via klubo ekzistas | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| | 30 | 29 | 28 | 27 | 26 | 25 | 24 | 23 | 22 | 21 | 20 | 19 | 18 | 17 | 16 | 15 | 14 | 13 | 12 | 11 | 10 | 9 | 8 | 7 | 6 | 5 | 4 | 3 | 2 | 1 |

# Vortoj de “Lernu”

ŜVELI

1. Ricevi pli grandan volumenon:
Mia ventro ŝvelas pro la manĝaĵo.
Vidante ilin kunaj ŝi ŝvelis de envio.
Sur mia kruro aperis ŝvel(aĵ)o.
Finfine la fingro malŝvelis.
2. Pligrandiĝi en ia rilato:
La prezoj ŝvelis ĉijare.
La urbanoj estas malkontentaj pri ŝvelantaj vivkostoj.
Mi esperas, ke ŝvel(ad)o de prezoj ne longe daŭros.
La instruistino ŝveligis la liston de lernindaj vortoj.

